# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**
**Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

# NAPOLO

## La Pordego Capuana

*Tiel aspektas la popola vivo en Napolo! Por vidi ĝin en realeco, aliĝu al la 27a Universala Kongreso kaj partoprenu la kongresan vojaĝon "Tra Italujo".*

**ENHAVO :**





**31-a Jaro N° 415**

**MARTO 1935**

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE. Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/5 :
5 N-ro — Marto 1935

*Ĉefdelegito Saar-teritorio.*

Post la kuniĝo de l'Saar-teritorio kun Germanujo la ĝisnuna ĉefdelegito, S-ro Prokuroro Aug. Omlor, demetis sian postenon. La membroj de la teritorio estas administrataj, de nun, de nia germana peranto, S-ro Fritz Rockmann, Freiligrathstrasse 1, Magdeburg.

Ni dankas publike tre sincere al S-ro Omlor pro lia ĝisnuna servado al nia Asocio.

*Aliĝoj en Ĉeĥoslovakio.*

Aldone al la sciigo en nia informilo N° 3 ni komunikas per tio, ke aliĝoj el UEA en Ĉeĥoslovakio povas de nun esti adresataj al la jus starigita oficejo (kun profesia oficisto) de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, Praha XIX.

*Premio de varbado.*

Ni permesas al ni, atentigi pri tio, ke premio de varbado estas donata nur por membroj nove varbitaj. Kiel tiaj ne estas konsidereblaj membroj el 1934, kiuj renovigis sian kotizon por la nuna jaro.

*Prival-adresoj.*

Personajn korespondaĵojn al la antaŭa direktoro de nia Asocio, S-ro Hans Jakob, oni bonvolu direkti al lia persona adreso : Rue du Beulet 5, Genève. Ricevinte, pro sia sanstato, libertempon, li jam de post septembro 1934 ne plu laboras en la Centra Oficejo. S-ro direktoro Jakob definitive eksiĝis el sia ofico je la 31 decembro 1934.

La antaŭa redaktoro de nia organo « Esperanto » S-ro D-ro Edmond Privat, de pli ol 5 jaroj ne plu loĝas en Ĝenevo. Lia nuna adreso estas : Villa Bella Vista, Locarno (Svisl.)

Ni memorigas samokaze, ke ne estas oportune, adresi oficialajn korespondaĵojn al membroj de nia oficeja stabo persone.

*Funkciado de la C.O.*

La C.O. dronas en laboro dum la monatoj de realiĝo je la jar-komenco. La *administrado* nun funkcias regule. Malfruiĝoj dependas de organizaj malfacilaĵoj interne de kelkaj landoj.

Pro la ĵusa malsano de la direktoro kaj pro lia multokupiteco dum la reorganizo, ankoraŭ daŭranta, la *direkcio korespondado* amasiĝis ekstreme. Per streĉa klopodo, iom post iom, ĉiuj aferoj estos likvidataj. Normala stato estos atingebla nur post enoficiĝo de sperta direkcia helpantino en la venonta monato, kiu anstataŭas eksiĝintan oficiston.

*Apero de « Esperanto ».*

Cirkonstancoj, transpasantaj nian momentan povon, ankoraŭ ne ebligis plifruigi la aperon de nia organo « Esperanto ». Ĉiu energio estas uzata por atingi absolute kontentigan staton en aprilo.

*Persona raporto al la Prezidanto de UEA.*

Meze de marto, la prezidanto de UEA, S-ro Generalo Bastien, Parizo, denove vizitis la Centran Oficejon por persona raporto de la direktoro al li, por informiĝi pri la nuna stato de l'interna reorganizo kaj por priparoli gravajn laborojn.

*Dankesprimo de la Direktoro.*

Depost la grava nerv-akcidento, kiu trafis la subskribinton je la jarfino 1934, pli ol 150 samideanoj kaj samideaninoj sendis siajn bondezirojn por rapida resaniĝo. La subskribinto estas ege kortuŝita pro tiu ĉi multnombra simpatiesprimo. Preskaŭ plene restarigita kaj vidante la ne-eblecon respondi individue, li deziras plej kore danki ĉi tie al ĉiuj skribintoj, kiuj per tio kuraĝigis lin multe ; li ĉiam memoros pri tiuj ĉi signoj de vera samideaneco.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Acoroj**

*Ponto Delgada.* — D-ro Lucio Sant'Ana de Miranda, Rua de Teofilo-Braga 12.

**Ĉeĥoslovakio**

*Vierzighuben* 11. — D : Johann Haupt.

**Francujo**

*Dijon.* — D : P. Cugny, 31, Rue Lamartine.

**Germanujo**

*Dessau.* — D : F-ino Elsa Schultz, Karlstrasse 6.II.
*Flensburg.* — D : F-ino Elise Jacobs, Mathildenstrasse 9.
*Gifhorn.* — D : Willy Schulze, Lüneburgerstrasse 5.
*Groschowitz.* — D : Günther Jakob, v. Prondzynski str. 15.

**Indoĥinujo**

*Saïgon.* — D : Phan Bà, Lan, 54, Rue Marchaise. VD : Dô ngoc. Auh. 72 rue d'Ormay.
*Mytho.* — D : Nguyen Van Trinh, Librairie Nam Cuong Mytho. VD : Tran Phiêt, Thra-Myphoto.

**Jugoslavio**

*Zdenĉina.* — D : Ante Mussi.

**Nederlando**

*Bussum.* — D : A. H. Bongertman. Koedijklaan 13.

**Portugalujo**

*Santiago de Seia.* — Rodolfo Almeida Abreu.
*Belver-Torre Fundeira.* — Joao Marques de Matos.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Ĉeĥoslovakio* : Podobora-Chotebuz, Turnov. *Francujo:* St. Gratien. *Germanujo:* Gross-Kauern, Grossröhrsdorf, Oppeln, Wismar-Ostsee. *Nederlando:* Zaandam. *Polujo:* Poznan. *Rumanujo:*Sighisoara.

Ĝenevo, 19 marto 1935.

Robert Kreuz, Direktoro.

---

**Naskiĝo**

Al Ge-sroj F. P. Huber, en Köln kaj Aberdeen, naskiĝis filo Robert.

# ESPERANTO EN LA PRAKTIKON!

Facile estas tion deziri, diri kaj peti. Sed malpli facile estas tion efektivigi.

Dum la Viena Konferenco, teknikistoj priparolis, pristudis la aferon. Ĉiuj disiris, firme celante, klopodi por efektivigo. Sed bedaŭrinde ĉiuj aferoj devas maturiĝi. Bonaj kondiĉoj kaj favoraj cirkonstancoj estas necesaj, por tiu maturiĝo, kaj ĉefe por ke ĝi okazu rapide kaj profunde.

Do la unua agado de ni efektivigota estas, krei favoran atmosferon. Sen tiu atmosfero, ministro ne konsentas, direktoro de entrepreno ankaŭ ne, eĉ petontoj ne kuraĝos peti, se ili antaŭsentas, ke ili petos en dezerto.

Por krei favoran atmosferon la geesperantistoj devas esti tiel kuraĝaj, kiel saĝaj. Kuraĝaj — uzi kaj klarigi Esperanton ĉiam, kiam tio estas nun eble, pere de niaj organizoj : konante ilin, partoprenante ilin kaj utiligante ilin. Saĝaj — ne troigi, ne mensogi. Hodiaŭ ni ne bezonas troigi, ĉar vere Esperanto povas jam multe utili, se ni profitas la servojn de niaj enlandaj kaj interlandaj organizaĵoj, libroj, gazetoj, k.c. Antaŭe ni ne bezonis mensogi, ĉar Esperanto ĉiam estis mirinda lingva solvo kaj noblega nova sento. Neniam mensogo aŭ simpla troigo estas necesaj, sed kontraŭe, ili ĉiam estas maldecaj. Afero estas bona aŭ ne ; se ĝi estas malbona ni ne devas propagandi ĝin. Se ĝi estas bona sufiĉas diri la veron.

Se esperantisto estas profesoro, ekzemple, plej bone efikos per seriozaj aludoj al la reguleco de Esperanto. Se li estas komercisto, li uzu laŭeble plej ofte Esperanton por informoj. Se li estas verkisto, li utiligu la naciajn antologiojn en Esperanto, la mirindajn tradukojn el famaj verkistoj Racine, Dante, Goethe, k.c. Ĉiuokaze li povas legi Esperantan gazeton aŭ libron, kiel ordinaran informilon, aŭ plaĉilon. Antaŭ kelkaj tagoj, en interparolado, ni estis kvar altlernejaj profesoroj. Ĉiuj eldiris, ke estas neeble certiĝi kaj senpartie opinii pri la nuna stato de Ruslando. Unu el ili asertis, ke ne konante la rusan lingvon estas senutile iri al tiu lando por intima informiĝado. Tiam mi respondis, ke se mi havus tempon kaj monon, nesciante rusan lingvon, mi povus intime esplori la staton de tiu landego kaj de ĝia reĝimo. Miaj kolegoj iom miris pri mia aserto. Mi aldiris, ke per Esperanto oni povas interparoladi, fratece interbabiladi. Tio pensigis al tiuj kolegoj pri utileco de Esperanto. Post tiu aludo, kiam oni proponos al ili lernigadon de Esperanto en ilia respektiva lernejo, ili ne tiel seninterese kaj senscie respondos pri enprogramigo de Esperanto.

Unuvorte, ni profitu ĉiun okazon utili al la internacia lingvo kaj ĝin utiligi. La amasoj ofte nur interesiĝas pri tio, kio ŝajnas *utila*, tuj profitiga. Kaj ne malofte ministro, direktoro kaj ceteraj altranguloj estas spirite simplaj amasanoj.

Nek iluziiĝo, nek seniluziiĝo ! Ni ne povas ŝanĝi per nia nura deziro la mondon, la kutimon, la direkton de ĉiuj aferoj. Sed ni devas esti certaj ke ni povas multe influi per konstanta ekzempla agado.

Sukcesan *frapon* ni povas certigi nur tiam, kiam frukto jam bone maturiĝis por nia celo. Antaŭtempa frapo ofte malsukcesigas !

Nuntempe ni povas kaj devas konstante agadi per kreado de favora atmosfero. Sed ankaŭ ni devas kuraĝi frapi ĉiam, kiam okazo estas favora !

Delfi Dalmau, Barcelona.

---

## Ombroj de la Vivo

Post volaj kaj nevolaj ŝanĝoj de mia vivo, post multjara kurado for de la milit-zonoj, ŝovinismaj perfortoj, ekonomiaj krizoj, — fine mi trovis pacan angulon, kie mi povas spirite ripozi, kulturi la teron kaj studi la naturon, ne vidante malbonon kaj ne farante ĝin. Tiu paca angulo estas bieneto, malproksima de urboj, de aŭto-stratoj, de vilaĝoj, kaj eĉ de najbaraj bienoj. Matene kun suno venas abeloj, kiuj or-kantas sur floroj. Paruoj, emberizoj, silvioj kaj skuvostetoj ludante serĉas nutron, saltetas, flugetas de arbo al arbusto, de arbusto al herbaro. Pli brue venas vespoj, kun graciaj talioj, nigraj burdoj, krabroj. Susurete glitas tra-aere libeloj, surtere klopodas formikoj, surmure aperas timema lacerto, enherbe glitas kolubro, scivole rigardante per sia die-belaj okuletoj, kiujn famigis iam Gœthe.

En tiu mikro-kosmo mi ĝuis dian naturon, en kiu ĉiu agas, ĉiu ĝuas laŭ sia leĝo, kiun ĝi obeas sendiskute. Tiel daŭris mia feliĉo somere, kaj en komenco de aŭtuno. Sed, en oktobro, aperis nekonataj homoj, kun aŭ sen hundoj, kiuj pafis, pafadis, tute apud mia limo, proksime de mia dometo, jen kontraŭ ĝi, jen post ĝi, jen frumatene, jen tagmeze. Unufoje mi scivolis, kaj proksimiĝis al preterpasanta ĉasisto, ŝajne sesdekjara : li montris al mi sian ĉapelon, plenan je mortpafitaj birdetoj..., koro mia dolorete premiĝis : estis dudek aŭ tridek paruoj, silvioj, ruĝgorĝetoj, sangemakulitaj kaj plumĉifitaj... — « Sufiĉas por unu telero da viandaĵo » rikane diris la ĉasisto, kaj mi silente, kun abomena impreso rehejmiĝis. La paco malaperis, la naturo ekfunebris, en la aero tremis timo kaj doloro, bestoj kaŝiĝis, birdoj ne kuraĝis kanti...,

Kaj tiuj homoj, kiel mi poste eksciis, faris tion por sia plezuro, ne pro ekonomia bezono, ĉar tiel akirita viando kostis multoble pli ol la plej bona viando de buĉejo. Ili tion faris ankaŭ pro ia fiero, emo montriĝi brava, heroa, venkanta...

Ununokte, sendorma, mi longe meditis pri miaj senkulpaj amikoj, flugil-havaj patroj kaj patrinetoj, naivaj birdidoj, ĵus ĝoje kantintaj la dian sunon, tuj kadavre falintaj sub la science-perfekta pafilo. Larmoj min sufokis... subite mi komprenis, ke la sama heroema deziro okazigas homluktojn, militojn, aĉajn pugno-batalojn kaj sciencajn ilatakojn. Ne diplomatoj, ne reĝoj, ne ekonomiaj krizoj, sed kruelaj koroj kaŭzas la militojn, kaj tiu krueleco komencas en ĉasisto, en ĉasema knabo, en torturema bubo, kiu ĝuas trapiki papiliojn, kaj tordi kapojn al birdetoj.

Ombroj malheligis la horizonton de mia dometo. Mi forkuris de la malbono, kaj la malbono venis al mia hejmo, en la formo de belvestitaj, bone razitaj civitanoj, kiuj pagis sian ĉas-takson, kaj laŭleĝe pafadis. Ili ja estis kulturaj,

lojalaj, civilizitoj, — nur mi estis sovaĝemulo, nudpieda, vegetarema, ekster la progresema socio.

Senkompate oni forhakas arbarojn, detruas birdojn, trafosas vojojn, kiuj kondukos ĉasistojn, turistojn; stariĝas aŭtomobilejoj, kafejoj, polic-postenoj, kaj la dia naturo malaperas. La polva aŭ la fuma kulturo vastiĝas, kaj igas nin esti krueluloj aŭ viktimoj. Jen la alternativo: elekti inter martelo kaj amboso, inter suferigi kaj suferi. Kaj, tie decidas la temperamento. Kato kaj viando-vendisto ne hezitas, ili ungas kaj frapas. Sed najtingalo ne estas kapabla al io alia ol kanti pri la amo, pri la suno kaj pri dio. La kulturo, kiu konas nur la profit-intereson, ĝi multobligas katojn kaj detruas najtingalojn.

En mia animo dormas iom da najtingalo, iom da abelo kaj da papilio, kaj mia decido antaŭ la tranĉil-kulturo jam delonge estas fiksita. Mi foriĝas de la maŝinaj urboj kaj de la maŝinaj koroj. Sed venos la momento, kiam ne plu estos la loko enkurebla, kiam la tuta spaco estos venkita de la kulturo. Tiam mi lasos dispremiĝi mian eksteran formon, por spirite ekflugi al la altaj steloj, al junaj mondoj milionare flirtantaj en la senlima kosma spaco.

Abel Kommok.

---

# Blanka pavo

*Inter la manuskriptoj, postlasitaj de la antaŭa redakcio ni trovis la sekvantan originalan verkaĵon de Dro. Edmond Privat. Ni plezure ĝin prezentas al nia legantaro. La aŭtoro montras per ĝi, unu fojon pli, sian grandegan talenton kiel verkisto kaj stilisto en nia lingvo.*

*La Redakcio.*

Janko Pollini sidis, pentrante la verdan monton, profunde spegulatan, en la Lago Maggiore. Super akvo bluega, la mirinda ĝardeno de l'Insulo Boromea pendigis siajn piramidajn terasojn kvazaŭ ŝtuparon al paradizo.

La malnova ŝtono de la kolonetaj bariloj hejtiĝadis sub hela suno kaj sennombraj lacertoj kuretadis sur la maroj inter rozoj kaj hedero. Sub ombro de giganta cedro, blanka pavo starigis al gloro la grandiozan ventumilon de siaj plumoj senmakulaj.

Postlasite aŭ fluginte per ia vento, kelkaj plumetoj, pli dolĉaj ol neĝeroj, pendis je branĉoj de l'arbego kaj tremetis al ĉiu bloveto. La birdo vokis fiere.

Janko turnis la kapon. Sub li, dek oranĝujoj briligis fruktojn el fajro. Kelkaj falis al tero kvazaŭ iluzioj, peze kaj definitive. Venteto jam ekblovis kaj la lago pli bluiĝis. Ondetoj frapetadis al bordo kun sono ripete karesa.

Haltis la pentristo kaj rigardis for. Estos baldaŭ tagmeze. Boato preterpasis, ia ŝipeto de fiŝistoj. Rapidis la remiloj kaj ekkantis voĉo knabina tra l'aero pura: « Tie estas la land'kie floras oranĝuj' »! Al Janko jam ekbatis la koro neatendite. Tiun voĉon li ja konis.

Kiel eble? Io lin tremigis kaj saltigis sur la piedojn. Sed la boaton ŝirmis ombrelaĵo hela. Ĝi kaŝis la junulinon. Certe nur iluzio. Jam ĉesis la kanto kaj pli rapidis la ŝipeto for. Tamen kiel simila tiu voĉo, preskaŭ fantoma! En lia koro ĝi revekis tragedion. Li ĝin akre revivadis trapasante la marmoran galerion de l'kastelo por eliri el la ĝardeno.

Unua renkonto. Enamiĝo fulmotondra. Plena jaro da baroj kaj malfacilaĵoj por sin revidi. Batalo kun gepatroj ambaŭflanke. Rompo, Aventuro. Forkuro kun knabino, forlasinta ĉion kaj tranĉinta ĉiujn pontojn post si.

Feliĉo, risko, respondeco, ĉio miksita en galopaj monatoj ... ankaŭ la neceso labori serioze kaj fari al si karieron.

Fine la ebleco kaj decido edziĝi... sed jam la knabino ŝanceliĝis. Disputoj eksplodis jam de l'komenco de la forvojaĝo. Unue malofte. Baldaŭ ĉiutage. Pro ĉio kaj nenio.

Ŝi brunhara, nigrokula,[1] vigla, rapida, kun fajro en la rigardo, ĉiam preta ekridi aŭ ekplori, dolĉe sentema je la ĝojo, akre sentema je l'ofendo, flamiĝema pro fervoro kaj egala pro kolero... li pensema kaj observema, diable kritikema, ĉiam preta riproĉeti aŭ moketi, ĉiam provanta instrui, eduki, ŝanĝi la neŝanĝeblon, igi ŝin akurata kiel li mem.

Milfoje ili disputis, milfoje li ŝin ofendis, milfoje ŝi koleris kaj revundis la vundinton, milfoje ŝi ekploris kaj milfoje ŝi konsoliĝis. Ilia kunvivo torente fluadis en senĉesaj ondoj de batalo kaj repaciĝo, repaciĝo kaj batalo, infero kaj ĉielo.

— Mi vivas tro fervore, diris la knabino. Rompiĝos unu belan tagon mia koro. Kiel tiu glaso kristala, en kiun mi verŝis mem tro varman teon post akvo freŝa. Se ni edziĝos, ni fine mortigos unu l'alian! Kaj tamen mi amas vin kaj pereos eble sen vi!

Ho, tiuj modernaj knabinoj! En simila okazo iliaj avinoj vidus la edziĝon kiel solan savilon je ĉiu kosto. Estis la sinjoraj moŝtoj, kiuj tiam hezitadis fari sian devon. Hodiaŭ, mondo renversita... Eĉ rompinte ĉiujn pontojn kaj riskinte la tutan estontecon, ŝi tamen rifuzis eternigi eraron.

— Mi ne kapablas vin feliĉigi, Janko, ŝi rediris multfoje, kaj ankaŭ vi ne min. Se ni estus kuraĝaj, ni irus nian vojon.

La pli brava estis ŝi. Unu tagon ŝi malaperis postlasinte leteron: — Ne serĉu min, ne suferigu min vane. Estas pli bone tiel, eĉ se kruele.

Tri monatojn poste ŝin mortigis aŭtomobilakcidento. Terura estis la bato. Elirante el la malluma koridoro de l'Boromea palaco, Janko subite sentis la blindigan lumon de la suno frapi liajn okulojn.

Kruda sonorilo anoncis la tagmezan vaporŝipon.

Edmond Privat.

# Tri Palmoj

*(Orienta legendo)*

de M. Lermontov

*Trio da palmoj, altaj, fieraj,*
*Kreskis en sabla stepo araba.*
*Inter ili, el tero senfrukta*
*Vigle vojon por si traborinte,*
*Fonto murmuris — ondo malvarma.*
*Verda ŝirmadis ĝin foliaro*
*De sabloflugoj kaj brulradioj.*

*Pasis multjaroj nerimarkite,*
*Sed el fremdlando laca migranto*
*Varman bruston ankoraŭ ne klinis*
*Al la ŝirmata fonto viviga.*
*Pro la sunardo jam ekseĉiĝis*
*Luksaj folioj kaj rivereto.*
*Kontraŭ Dio ekplendis la palmoj:*

*« Ĉu por velki sole en dezerto*
*« Ni ĉi tie naskiĝis kaj vivis ?*

*« Suno-brulataj, ventego-skuataj,*
*« Ĝojigante neniun rigardon,*
*« Ni do vane kreskis kaj floris !*
*« Dio, nejustas via verdikto ! »*

*Jus ekĉesis la plendo malpia*
*Ekleviĝis ĉe la horizonto*
*Kolonego da sablo oreca.*
*Sonis malritme sonoriletoj.*
*Multkoloraj vidiĝis tapiŝoj,*
*Diversformajn kovrantaj pakajojn ;*
*Kaj, ŝipsimile sin balancante,*
*Dezertsablon piedfosadante,*
*Paŝegadis sinsekve kameloj.*
*Sur la dorsoj kurbegaj, ĝibegaj,*
*Kvazaŭ dancas, je baskoj flirtante,*
*Desegnaĵ' ornamitaj tendetoj.*
*Jen maneto malhela gracie*
*Flanken ŝovas la ŝtofon protektan,*
*Kaj montriĝas brilnigraj okuloj.*
*Zonklinante sur selon, arabo*
*Ekscitadas pursangan ĉevalon.*

*Jen la besto flamiĝa ekbaŭmas ;*
*Jen eksaltas kiel pantero,*
*Ektrafita per sago mortiga.*
*Faldoj belaj de l'blanka vestaĵo*
*Sur la ŝultroj senorde flirtetas*
*De l'maltima rajdanto malgrasa.*
*Kvazaŭ fluganta, kriante, fajfante,*
*Sian lancon li jetas, rekaptas.*

*La karavano gaja kaj brua*
*La palmaron baldaŭ aliras.*
*Etendiĝas en ombro tendaro ;*
*Ekpleniĝas sonore akvujoj*
*Kapojn siajn fiere svingante,*
*La gastaron salutas la palmoj.*
*Dume la fonto kaj rivereto*
*Ondon freŝigan riĉe oferas.*

*Sed apenaŭ fariĝis mallumo,*
*Frapis elastajn radikojn hakil'.*
*Teren baldaŭ alfalis senvivaj*
*Zorgituloj la tri de centjaroj.*
*Ilin nud' elvestigis infanoj ;*
*Korpojn iliajn oni dishakis ;*
*Fajro tra nokto ilin forbrulis.*

*Jam frumatene la karavano*
*Vojon alcelan ekredaŭrigis,*
*Postlasinte sur tero senfrukta*
*Cindron grizecan kaj senvaloran.*
*Suno konsumis sekajn restaĵojn.*
*Fine ĉion ventego dissemis.*

*Kie antaŭe ekzistis oazo,*
*Nur malplenas nuntempe, dezertas.*
*Ne plu konfide intermurmuras*
*Verdaj folioj kaj vigla fonto.*
*Ĝi pri ombro vanpetas Profeton ;*
*Nur surŝutas ĝin sablo brulanta.*
*Tie sola vulturo sovaĝa,*
*Dispecigas viktimojn kruele.*

El la rusa lingvo tradukis C. Rosen.

# Dro. T. G. MASARYK

## Prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko

## 85-jara

La ŝtata prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko, Tomas G. Masaryk, festis la 7 marto sian 85-an naskiĝtagon.

Li devenas de sudmoravia, malriĉa familio. Liaj universitataj komencoj kaj studadoj estas ligataj kun la urbo Vieno.



Kiam li en la jaro 1882. alvenis al la ĉeĥa universitato en Prago, kiel profesoro, la centro de ĉeĥa nacia kaj kultura vivo, pligrandiĝis ĉirkaŭ li scienca kaj kritika movado, en kiu li ne nur estis organizanto, sed ankaŭ persista batalanto por scienca vero kontraŭ la publikaj antaŭjuĝoj. En la komenco de la jaro 1890 li eniris la politikan vivon, sed baldaŭ li revenis al la scienca movado, konstruante ĉeĥan nacian filozofion kaj serĉante sencon de la ĉeĥa historio en la humana elpensaĵo. Tiu-ĉi koncepto komencis esti teoria fundamento de la renoviĝanta politika praktiko.

Lia eŭropa orientado kaj speciala intereso pri la slavaj gentoj, gvidis lin al la akra kritiko de la eksterlanda politiko aŭstro-hungara. Kiam komenciĝis la mondmilito, li foriris eksterlanden por organizi ĉeĥan ribelon kontraŭ ĝi. Li estis ĝia grava gvidanto, kiel prezidanto de la Nacia Konsilantaro Ĉeĥoslovaka — Narodni Rada Ceskoslovenska, gvida organo de l'ĉeĥoslovaka elmigranta politiko. Li funkciis en Svislando, Francujo, Anglujo, Ruslando kaj Usono kaj revenis kiel honorigata heroo kaj gvidanto de la nova ŝtato en la monato decembro 1918.

En la jaro 1925, en la libro : « Monda Revolucio (Svetova Revoluce) » li priskribas sian tutan gvidadon en la batalo por la politika libereco de la nacio ĉeĥoslovaka. Prezidanto de la libera ŝtato ĉeĥoslovaka li estis proklamita en la jaro 1918 kaj konfirmita en la jaro 1920.

Li estis reelektita en la jaroj 1927 kaj 1934.

Sinceraj gratuloj el la tuta mondo nun estas direktataj al li, kiu estas konsiderata kiel unu el la plej grandaj demokratoj nuntempaj.

# Universala Esperanto-Asocio

**Por prezenti al la legantoj de „ Esperanto " la estraranoj de UEA, elektitajn en Stokholmo kaj konfirmitajn per skriba voĉdoho, ni daŭrigas publikigi en ĉi tiu numero iliajn bildojn kun mallonga biografio.**



Prof. Dro. Inĝeniero
Rinaldo Orengo

Inĝeniero D-ro Rinaldo Orengo naskiĝis la 13.11.1895 en La Spezia (Italujo).

Post lernado en klasika gimnazio, li komencis inĝenierajn studojn en la Supera Reĝa Politeknika Lernejo de Torino. En 1915 li tamen devis interrompi la universitatajn studojn pro la milito, kiun li partoprenis preskaŭ dum ĝia tuta daŭro ĉe la fronto.

Li atingis dum la milito la rangon de leŭtenanto en la pionira korpuso kaj poste fariĝis kapitano de rezervo.

Post la milito li daŭrigis sian studadon ĉe la universitato de Torino (Inĝeniera fako : politekniko) kaj estis diplomita pri mekanika inĝenierarto.

D-ro Orengo laboris en Albanio, poste en Italujo kaj Afriko. Kiel inĝeniero ĉe la Reĝa Itala Maristaro li direktis havenajn laborojn. Li funkciis ankaŭ kiel profesoro pri teknikaj fakoj en Navigacia Lernejo. Dum kelka tempo li estis asistanto ĉe la Reĝa Astrofizika Observatorio en Arcetri (apud Firenze).

Esperantistiĝinte en 1919-20, li tuj montriĝis lerta kaj fervora propagandisto. Li fondis plurajn grupojn en diversaj urboj en Italujo, partoprenis la verkadon de Teknikaj Terminaroj en Esperanto, publikigis multajn artikolojn pri problemoj de la movado en Esperanto-gazetoj, tradukis plurajn literaturajn verkojn (plejparte ankoraŭ ne eldonitajn). La bone konata gvidlibro « Milano kaj Lagoj de Lombardio », eldonita de Touring Club Italiano, estas ankaŭ de li tradukita.

Ne nur kiel inĝeniero, sed ankaŭ kiel esperantisto, D-ro Orengo havas grandan propagandan kaj organizan sperton. Li estis dum du jaroj vicprezidanto de la Itala Esperanto-Federacio kaj depost kvar jaroj estas ĝia Administra Direktoro. En 1932 li estis elektita Lingva-Komitatano.

De longe li estas unu el la plej viglaj batalantoj por la reorganizo de UEA, en kiu li nun aktive kaj decide partoprenas.

Registara Konsilisto Hugo Steiner naskiĝis la 26 februaro 1878 en Retz (Malsupra Aŭstrio). Post akiro de matureca diplomo de la meza instruado li eniris la servon de l'tiama reĝa kaj imperiestra fervojo de Aŭstrujo-Hungarujo. Li okupis postenojn en div. partoj de la lando kaj atingis la gradon de supera inspektoro. Li definitive fiksiĝis en Vieno. Dum la mondmilito li servis en la okupaciaj regionoj en Ruslando, Galicio kaj en Rumanujo. Li daŭrigis sian servadon, post starigo de la respubliko en Aŭstrio, en la nuna konfederacia fervojaro. En 1923 li pensiiĝis libervole por sin plene dediĉi al Esperanto kaj al peresperanta propagando por sia hejmlando.

Sinjoro Steiner estas esperantisto de post 1911. Dum multaj jaroj li estis en la unua vico de niaj pioniroj ; post la milito li fariĝis la plej elstara esperantisto de sia hejmlando. En 1924 li fondis la organon « Aŭstria Esperantisto », kiu ĵus pligrandiĝis laŭ formato kaj enhavo. En 1925 li fariĝis ĝenerala sekretario de AEA, en 1926 prezidanto kaj ankoraŭ nuntempe estas honora kaj efektiva prezidanto de nia landa organizo. En 1927 li instigis la eldonon de la unuaj faldprospektoj por turisma reklamo ĉe la komerca ministerio, kiu de post tiam ĉiujare aperigis similajn presaĵojn, aranĝitajn kaj tradukitajn de Hugo Steiner. Ili ĉiam vekis viglan intereson pro sia arta aspekto. Ankaŭ la Komisiono por fremdul-trafiko en Aŭstrio plurfoje eldonis tiajn reklamilojn laŭ lia propono. Lia plej granda iniciato estis la kreo de la Internacia Esperanto Muzeo. De post 1927, S-ro Steiner laboris senhalte por la realigo de sia ideo, ĝis en 1929 li atingis la celon. La 1.8. okazis en ĉeesto de ĉ. 700 personoj el 35 landoj la solena malfermo en ĉeesto de la prezidanto



Registara Konsilisto
Hugo Steiner

de l'respubliko. Ĉi tiu mem alparolis la ĉeestantojn, informante ilin, ke la registaro nomis S-ron Steiner registara konsilisto pro liaj grandaj klopodoj pere de Esperanto. De post tiam S-ro Steiner okupis sin krom la direktado de AEA kaj la redakto de ĝia organo al peresperanta turisma kaj kultura propagando por Aŭstrio. En 1932 li faris 3-

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

— La mondkonata entrepreno de roz-kulturado, Jan Böhm en Blatna (Ĉeĥoslovakio) ĵus donis al nove plantita rozo la nomon : Rozo D-ro Zamenhof, honore al la mortinta aŭtoro de Esperanto.

— Tre grava medicina revuo « La Medicina Catalana » en Barcelona aldonas al ĉiuj siaj artikoloj resumon en Esperanto.

— La monata bulteno, Mesiĉni zpradovaj, organo de instruistoj ĉehoslovakaj aperigas regule rubrikon kun kroniko pri Esperanto, precipe rilate al instruistaj interesoj.

— « Le Phare Médical de Paris », tre disvastigita franclingva monata revuo de kliniko kaj de praktika terapeŭtiko en Parizo, konstante aldonas al ĉiu rubriko resumon en Esperanto.

# KRONIKO

La *fondiĝfestkunveno* de la nova Hungara Esperanto Federacio okazos dum la Foiro de Budapest, la 5 majo en la ĉambrego de la TESZ (Federacio de Hungaraj Sociaj Societoj). Estas invitataj ĉiuj hungaraj societoj kaj esperantistoj, kiuj deziras unuece labori por la movado en Hungarujo. La 10 majo vespere estos la *Jara Landa Kunveno* de Hungarlanda Esperanto Societo-(V., Mérleg-u. 2.-) La 12 majo, dimanĉe, estos por ĉiuj esperantistoj kaj por la partoprenontoj de la Kongreso en Romo interkonatiĝa *ŝipekskurso* sur la Danubo aranĝota de la skolta esp. rondo. Oni intencas lotumi *senpagan veturon* al la kongreso de Romo. Oni invitas ankaŭ la eksterlandajn esperantistojn, kiuj povas uzi la fervojan rabatojn validaj ankaŭ en aliaj landoj dum la *Foiro*, pasigi kelkajn esperanto-tagojn en la bela urbo Budapest (Prospektojn, afiŝojn, glumarkojn volonte sendas la Foiroficejo, V. Alkotmany-u. 6.—).

Debrecen.— Instruisto Jozefo Matyas faris la 23 januaro en la *Rotari-Klubo* grandan paroladon pri lia peresperanta eksterlanda laboro. Per ĝi li korektigis la erarajn informojn pri Hungarujo en diversaj eksterlandaj geografi-lernolibroj. La gazetoj vaste raportis pri tiu ĉi parolado.

*Matészalka.*— Dro. Jenö *Fuchs*, del. UEA, arangis la 24 februaro en la urba ĉambrego propagandkunvenon kun parolado.

monatan prop. vojaĝon tra Polujo, la baltaj kaj la skandinavaj ŝtatoj, subtenite de la registaro de la diplomatiaj reprezentantoj kaj de la tiama I.C.K. En 1933 fine li organizis kun komitato, konsistanta el Kalkula Konsilisto Frey, Sekcia ĉefo de la Kanceliera Oficejo D-ro Uebelhör kaj direktoro Rob. Kreuz de UEA, la brile sukcesintan Konferencon « Esperanto en la Lernejon kaj la Praktikon ».

Nun S-ro Steiner preparas la grundon por organizo de la Universala Kongreso, okazonta en 1936 en Vieno. Agante en ĉiuj kampoj, ankaŭ tre lerte li zorgas pri efika radiopropagando. Li starigis specialan Esperanto-Servon por la Eksterlando. La kanceliero kaj vic-kanceliero de Aŭstrio jam oficiale rekonis lian klopodon. Multokupita persono, li trovis eĉ tempon verki lernolibron. S-ro Steiner estas la modelo de praktika propagandisto. U.E.A. nun profitas rekte el lia kunlaboro kaj konsilado.

En Chalons-sur Marne okazos 8-10 junio 1935 Filatelia Ekspozicio. La organizantoj presigas arteplenan poŝtkarton kun franca kaj esperanta teksto, sendotan kun speciala ekspozicia stampilo kaj filatelie afrankite al ĉiuj mendintoj kontraŭ 1 respondkupono eksterlanden kaj 1 fr. fr. franclanden. Sendu la mendon kaj la pagon al S-ro Aussenac, del. de UEA, 26 rue du Port de Marne (Francujo).

La Esperantista Klubo en Kolin, Ĉeĥoslovakio, eldonis beletan 16 paĝan gvidlibreton tra la urbo en Esperanto. La libreto estas bonguste ilustrita. La prezo estas enlande Kĉ 1.— Eksterlanden la Klubo sendas 2 ekzemplerojn por 1 respondkupono. Ĉiu kiu publikigos ĉi tiun informon en nacia, loka aŭ faka gazeto kaj sendos ekzempleron de la gazeto kun la informo al la Klubo, ricevos la gvidlibreton senpage kaj afrankite.

Post kelkjara interrompo la Litova Esperanto-Asocio renovigis la eldonon de sia organo « Litova Stelo », kies belstilan, riĉenhavan unuan numeron ni ĵus ricevis. Ni kore gratulas niajn litovajn samideanojn kaj deziras al ilia revuo longan vivon.

### Argentina Esperanto-Kolegio

En la pasinta jaro fondiĝis en Buenos Aires Argentina Esperanto-Kolegio, kies ĉefa celo estas, krom la instruado de Esperanto, la enkonduko de la internacia lingvo en la oficialajn lernejojn.

En la lastaj tagoj de la monato Decembro finiĝis la unua trimonata kurso, kiu estis plensukcesa. La ferman kunvenon ĉeestis nia itala samideano pastro Agostino M. Stellacci, nuntempe kapelano de la ŝipo « Neptunia », kui faris belan esperantan paroladon, multe impresintan la lernintojn.

### Profesia Oficejo de Ĉ.A.E.

La Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista (Adreso : Uralské 447 Praha XIX) nun sukcesis starigi oficejon kun profesia oficisto, S-ro Ŝavel, por prizorgi administradon de la asocio kaj la propagandajn aferojn. La oficejo ankaŭ okupiĝos pri la administro de la UEA-membraro en Ĉeĥoslovakio. La oficejo funkcias depost la 1 februaro 1935. Estis en ĝin transportitaj la asociaj oficejaj maŝinoj. La adreso de la Asocio restas senŝanĝe, ĉar la honora oficejestro, S-ro Slavik, akceptas la korespondaĵojn kaj transdonas ilin al koncernaj manoj.

### Propagando inter ĉeĥoslovaka instruistaro

— La ĉsl. monata bulteno « *Mesiĉni zpravodaj* », kiun eldonas en nombro 35.000 (35 mil) sro. Ant. Dedourek en Trebechovice pod O. (Ĉeĥoslovakio), publikigas regule kronikon pri E.-movado (precipe priinstruista). La kronikon gvidas f-ino J. Ŝupichova el Praha. Tiu ĉi bulteno estas senpage sendata al ĉiuj lernejoj kaj lernejaj oficejoj en ĈSR. La tutmondaj instruistoj estas petataj sendi gratulon al la eldonisto kaj peti *senpagan publikigon* de sia adreso (aŭ de siaj lernantoj). *Adreso:* « Mesiĉni zpravodaj » en Trebechovice pod O., Ĉeĥoslovakio.

### Rozo « D-ro Zamenhof »

— La ĉeĥoslovaka rozkulturisto, S-ro Jan Böhn, Blatna, Ĉ.S.R., nomis nove kulturitan rozon « D-ro Zamenhof ».

La rozo « D-ro Zamenhof » havas fortan odoron kaj brilekarmin-ruĝan koloron ; la fundamento de la florfolioj estas orflava. La vergetoj estas 4-6 metrojn longaj kaj posedas belegajn vaksglaceajn foliarojn.




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## DUA OFICIALA KOMUNIKO (DAŬRIGO)

16. *Libervolaj Ekskursoj.* — Jam oni povas anonci parton el ili. Oni devas dividi ilin je tri grupoj :

a) *Aldonprogramoj por la Unuaj Koncentriĝoj:*

| | | |
|---|---|---|
| n. 1 | *Unua Koncentriĝo: Bordighera.* - San Remo-Génova (1-2 aŭg.) — | L. 98.— |
| n. 2 | *Unua Koncentrigo: Torino.* - Valo de Aosta-Blanka Monto (31 jul., 1-2 aŭg.) | » 150.— |
| n. 3 | *Unua Koncentriĝo:* | |
| | — 3 A : *Milano* kaj Kartusio de Pavia (2 aŭg.) | » 108.— |
| | — 3 B : *Milano* kaj Lago de Como (2 aŭg.) | » 108.— |
| | — 3 C : *Milano* kaj Lago Maggiore (2 aŭg.) | » 108.— |
| n. 7 | *Unua Koncentriĝo: Verona.* - Lago de Garda (1-2 aŭg.) | » 100.— |
| n. 8 | *Unua Koncentriĝo: Venezia.* - Lido (1-2 aŭg.) | » 126.— |

b) *Dumkongresaj ekskursoj:*

| | | |
|---|---|---|
| n. 4 | Ekskurso : | *Largo de Como* (2 aŭg.) |
| n. 5 | » | *Kartusio de Pavia* (2 aŭg.). |
| n. 6 | » | *Lago Maggiore* (2 aŭg.). |
| n. 9 | » | *Fiesole* (3 aŭg.). |
| n. 10 | » | *Arcetri* (3 aŭg.). |
| n. 11 | » | Villa Adriana.-*Tivoli.*-Vila d'Este (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 12 | » | *Lido de Roma.* - Castel Fusano (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 13 | » | *Rocca di Papa* kaj Monte Cave (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 14 | » | *Castel Gandolfo-Lago de Nemi* (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 15 | » | *Fregene* (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 16 | » | *Littoria.* - Sabaudia (6 kaj 7 aŭg.). |
| n. 17 | *Granda Kongresa Ekskurso:* | *Pompei* - *Insulo Capri* (9 aŭg.) L. 55.— (ne kongresano : L. 60.) |
| n. 18 | Ekskurso : | *Vesuvo Kratero* (10 aŭg.). |
| n. 19 | » | *Amalfi-Sorrente* (10 aŭg.). |

c) *Krozadaj ekskursoj:*

| | | |
|---|---|---|
| n. 51 | Krozada Ekskurso : | *Gasr Garian* (13 aŭg.). |
| n. 52 | » » | *Leptis Magna* (13 aŭg.). |
| n. 53 | » » | *Monreale* (15 aŭg.). |
| n. 54 | » » | *Monte Pellegrino* (15 aŭg.). |
| n. 55 | » » | *Portofino*-Rapallo-Santa Margherita (18 aŭg.). |
| n. 56 | » » | *Genova.* - Portofino-Rapallo-Santa Margherita (17-18 aŭg.). |

La plenaj programoj de la Ekskursoj kun ĉiuj detaloj, prezoj ktp. aperos poste, en speciala numero de la Kongresa gazeto, « L'Esperanto » en « Esperanto » (UEA) kaj en « Heroldo de Esperanto ».

17. *Kurzo de lä Liro.* — La liro estas sur firma ora bazo. Ĝia kurzo ne ŝanĝas senteble rilate la svisan frankon : unu svisa franko valoras proks. 3.80 italajn lirojn ; unu franca franko 0.77.

18. *Aliĝoj.* — Aliĝo validas nur se akompanata de la *plene*plenigita aliĝilo (kie devas esti *klarege* indikitaj nomo, baptnomo, plena adreso, profesio, nacieco kaj ŝtateneco, ktp., kaj de plena regula pago.

Al aliĝintoj oni sendas *post iom da tempo* la Provizoran Kongreskarton, kun akompana cirkulero. La definitiva Kongreskarto, kun la fervojaj rabatiloj, estos dissendata en julio.

Kiel konfirmo pri akceptita aliĝo valoras la Provizora Kongreskarto kaj la publikigo de la nomo en la Kongreslistoj.

La Provizora Kongreskarto utilos eventuale laŭbezone por faciligi la ricevon de pasporto al Italujo, kaj forsendon de mono al la « Esperanto-Centro Itala ». *Ĝi,* krome, *estos necesa por ricevi, post la alveno en Italujo,* la *Kongresdokumentojn.*

La *Definitiva Kongreskarto validos por ricevi la Insignon kaj la diversajn Kuponarojn por lä Kongresaj Servoj, Turismaj Servoj,* ktp.

Oni devos do zorge teni ĉe si ambaŭ Kartojn, kaj kunporti ambaŭ al Italujo.

*Unu monaton antaŭ la Kongreso,* tiuj kiuj *aliĝis ĝis fino de Majo,* en okazo de nericevo de la Provizora Kongreskarto, devoŝ peti de « Esperanto-Centro Itala » *duplikaton.*

Ĝis 31.1.35 vespere aliĝis kun pago aŭ sub garantio 461 Gesamideanoj : ili profitis la maksimuman rabaton ĉe la Kongresa kotizo, 30%, nome ili pagis nur po 70, aŭ 42 aŭ 28 liroj. El la aliĝintoj post nº 461, kelkaj pagis laŭ 30% rabato, kvankam la pagoj je tia rabato — kiel klare dirite en la aliĝiloj — devis *alveni* al « Esperanto-Centro Itala » antaŭ vespero de 31.1.35.

Ĉar la L.K.K. scias, ke oni devas fidi al la Gesamideanoj kiel al perfektaj ĝentilhomoj, plene komprenantaj la postulojn de bonorda administrado kaj de prudenta organizo, oni decidis same enskribi ilin ĉiujn en la liston de la Kongresanoj, kvazaŭ sekve de regula pago. La L.K.K. nur atentigas la Kongresanojn post nº 461, ke ĝi atendas de tiuj el ili, kiuj ricevos kun la Provizora Kongreskarto specialan formulon kun invito al kompletigo, la afablan saldon por atingo de la kotizo je 20% rabato : nome la diferencon ĝis L. 80, aŭ 48, aŭ 32.

Avertas la L.K.K. ke je fino de Aprilo, ĝi — kun bedaŭro — ne konsideros la aliĝojn, kies pago laŭ 20% rabato ne estos *alveninta* ĝustatempe, ĝis kiam ne estos alveninta la kompletigo de la kotizo laŭ la nova rabato 10%. Pro tio la koncernaj nomoj ne aperos en la kongreslistojn, kaj la ricevita ne sufiĉa mono estos notita je kredito de la sendintoj. Oni atentu ke la tempo necesa por alveno de la mono sendita per la poŝto aŭ Banko, estas proks. 8-10 tagoj.

Tiu ĉi klarigo ne ŝajnu tro severa, kaj certe ĝi ne estos taksata kvazaŭ ia burokrateca formalemo, se oni afable konsideros ke la *kosto* de ĉiu Kongresano superas eĉ la 80-liran koti-

zon, kaj ke la L.K.K. ne esperas ricevi subvenciojn : aliflanke, ĝi saĝe kaj firmege decidis, ne fermi kun deficito.

19. *Karavanoj al la 27a.* — Plene funkcias kaj regule kontaktas kun « Esperanto-Centro Itala » la jenaj Karavanestroj :

*Societo Franca por Propagando de Esperanto*, Paris : kun tri karavanoj :

*a*) Nord-Franca Karavano : de Paris tra Vallorbe-Lausanne-Simplon-Domodossola-Milano ; kaj daŭrigo laŭ programo « Tra Italio ».

*b*) Centro-Franca Karavano : de Lyon tra Genève-Lausanne-Simplon — Domodossola-Milano ; kaj daŭrigo kiel supre.

*c*) Sud-Franca Karavano : de Marseille tra Nice-Ventimiglia-Bordighera-Génova ; kaj daŭrigo kiel supre.

*b*) de Wien tra Klagenfurt-Tarvisio-Venezia ; kaj daŭrigo kiel supre.

*Finlanda Turismo:* Helsinki (sciigoj sekvos).

Gvidantoj, Societoj, Turismaj Agentejoj, dezirantaj organizi Karavanvojaĝojn al la 27 a, bonvolu sin turni *urĝe* al « Esperanto-Centro Itala », Galleria Vittorio Emanuele 92, *Milano.*

20. *Specialaj rabatoj.* — La ŝnurfervojo de Brunate (Como), kiu aliĝis al la 27a, kiel Helpkongresano, afable konsentis rabaton je prezento de la Kongresa Karto por la gesamideanoj, kiuj, dum vizito pri Como, volos ekskursi al la mirinda loko Brunate, alte staranta super la Lago.

21. *Gazetaro.* — En multaj landoj, multaj gravaj gazetoj aperigis anoncojn pri la 27 a. La Gesamideanoj estas afable petataj sendi po du ekz. al « Esperanto-Centro Itala »

La belega urbo TORINO

—

En la fono la alpoj



Loko de karavana koncentriĝo kaj ekskursa elirpunkto okaze de la Dudeksepa

*Brita Esperanto-Asocio:* London — Brita Karavano de London tra Paris-Domodossola (kun la franca, a).

*S-ro Jakob Telling:* Rotterdam-Nederlanda Karavano de Rotterdam tra Paris-Domodossola (kun la franca, a)).

*Esperanta Turista Komisiono:* Stockholm-Sveda Karavano de Stockholm tra Berlin-Innsbruck-Brennero-Verona ; kaj daŭrigo laŭ programo « Tra Italio ».

Estas en preparo la jenaj karavanoj :

*Heroldo de Esperanto-Germana Esperanto-Asocio:* Berlin, Köln kaj Rotterdam-Nederlanda-Germana Karavano de Nederlando kaj Germanujo, tra Basel-Luzern-Chiasso-Milano ; kaj daŭrigo laŭ la programo « Tra Italio ».

*S-ro Friedrich Ellersiek:* Berlin-Germana Karavano de Berlin kaj München tra Innsbruck-Brennero-Verona ; kaj daŭrigo laŭ la programo « Tra Italio ».

*S-ino Sari S. John:* Budapest-Hungara Karavano de Budapest tra Tarvisio-Venezia ; kaj daŭrigo laŭ la programo « Tra Italio ».

« *Heraldo de Madrid* »*-Hispana Esperanto-Asocio:* Madrid (sciigoj sekvos).

*S-ro Reg. Kons. Hugo Steiner:* Wien — kun du karavanoj : Aŭstriaj :

*a*) de Innsbruck tra Brennero-Bolzano-Verona ; kaj daŭrigo laŭ la programo « Tra Italio ».

ĉiujn revuojn aŭ gazetojn kie aperis aŭ aperos io pri la Roma Kongreso, aŭ pri ties ekskursoj, vojaĝoj, karavanoj el eksterlando, k.s. : ĉu Esperantajn ĉu nacilingvajn. Antaŭdankon !

22. *Radio.* — Italaj Radio-Stacioj jam dissendis en pluraj lingvoj informojn pri la 27 a. En preparo dissendoj en Esperanto. Oni bonvolu skribi ofte al E.I.A.R. — Radio-Roma, *Roma*, petojn pri disaŭdigoj pri Kongreso en Esp.

Dissendas regule novajojn en Esperanto aŭ en nacia lingvo la Radio-stacioj de Wien (m. 507 — ĉiumerkrede je h. 22,50-23 *MET*), kaj Lisboa (Radio-Club Portugues CT 1/GL, m. 291 — ĉiuvendrede je h. 22 Greenwich T). Aliaj Stacioj baldaŭ dissendos.

23. *Pasportoj kaj vizoj.* — Por eniri Italujon estas necesa la pasporto de ĉiuj landoj ; vizo ne estas necesa, krom por ŝtatanoj de la jenaj landoj : Bulgarijo, Ĥinujo, Jugoslavio, Palestino, Persujo (nun Irano), Sirio, Turkujo.

Pri la vizoj por Malta kaj Afriko, detalaj informoj sekvos ; probable ili ne estas necesaj.

24. *Antaŭkongresoj.* — Estas anoncitaj du Antaŭkongresoj en Aŭstrio : en *Innsbruck* kaj en *Klagenfurt.* La unua komenciĝos la 31 an de julio matene ; la 1 an de aŭg. je h. 11.25 la partoprenantoj forveturos al Verona, kie ili

ĉeestos la tutan programon de la tiea Unua Koncentriĝo. La dua okazos la 1 an de aŭg. kaj la partoprenantoj forveturos al Venézia la 2 an matene, ĉeestonte la tiean Unuan Koncentriĝon. Detalojn oni petu de « Internacia Esperanto-Muzeo » Neue Burg, Heldenplatz, Wien I.

La L.K.K. tamen petas, ke oni *ne* organizu aliajn Antaŭkongresojn, konsiderante la nekutiman longecon de la Kongresa programo mem (15 tagojn) kaj la multenombrajn vizitojn tra Italujo, kiuj jam postulos la tutan liberan tempon de la Kongresanoj. Multenombraj Antaŭkongresoj prezentus kvazaŭ senvolan konkurencon al la organizo de la Kongreso mem, kaj ioman danĝeron por ĝia sukceso, kiun povas certigi nur grandnombra aliĝado.

AMPLEKSE VARBADU

por speciala aliĝo de Helpkongresanoj, Firmoj, Grupo, Gazetoj, Bankoj, Institucioj, Lernejoj, ktp. al la 27.a — Kotizo L. 40.—.

*La Helpkongresanoj ricevos ĉiujn dokumentojn de la Kongreso.*

Bonvolu legi ankaŭ sub punkto 4 de tiu ĉi « Dua Oficiala Komuniko ».

***

Plej kore, sincere dankas ĉiujn gesamideanojn el tiom multe da Nacioj kiuj bonvolis ĝentile gratuli kaj entuziasme komplimenti pro la vasteco, detaleco, kaj allogeco de la Kongresprogramoj.

La L. K. K.

**Ĉeĥa Opero, disaŭdigata en Esperanto per Radio**

La 3 aprilo de 22. 15 ĝis 23.15 h. (MET) la Verda stacio Brno, samtempe kun Praha, Bratislava, Košice kaj Moravska Ostrava elsendos la plej ĉarman ĉeĥan operon, la « Vendita fianĉino » en esperanto. Tiu ĉi opero de Bedrich Smetana certe tre interesos la samideanojn, de kiuj eble jam multaj vidis ĝin en sia nacia lingvo, ĉar la « Vendita fianĉino » estis tradukita en multajn naciajn lingvojn kaj ludita jam multfoje en la tuta mondo kun granda sukceso. Post la opereto « Sur rozoj sternite» niaj esperantaj amikoj el tuta Eŭropo aŭdos ravan ĉeĥan operon. Ni esperas, ke ĝi same bone plaĉos al ili.

---

**Julius Karnas †**

La 20 februaro mortis en Lausanne S-ro Julius Karnas, redaktoro de « Flandra Esperantisto », nur 33-jara pro pulma tuberkulozo. Li estis vigla propagandisto kaj li gvidis aron da kursoj. Li tradukis multe, precipe flandrajn kantojn kaj estis premiita de la « Floraj Ludoj ».

Estante tre malsana, li tamen prenis sur sin la redaktorecon, kiun li fidele plenumis ĝis lia morto.

Li postlasis vidvinon kun sepjara fileto.



# LINGVA PRAKTIKO

**Lingvo vivanta**

En miaj antaŭaj artikoloj mi parolis pri la ĝeneralaj kondiĉoj, kiuj estas konsiderotaj por la praktika aplikado de nia lingvo. Mi atentigis pri la graveco de l'faka terminaro kaj pri ĝia disvolvigo. Sed mi substrekis, ke la facila manipuleblo de nia lingvo tamen postulas bonan konon de ĉiuj elementoj de Esperanto.

Ne-spertaj aŭ ne-sufiĉe spertaj uzantoj de nia lingvo asertas, ke sen « plu-evoluado » de Esperanto oni ne povas pensi pri ĝia enkonduko en la praktikon. Laŭ ili « plu-evoluado » estas pli-malpli identa kun kreo de neologismoj por pligrandigo de nia vortaro. Ili serĉas la lingvon fin-fabrikitan por uzi ĝin kvazaŭ aparaton. Ili forgesas, ke ju pli estas aplikata nia lingvo, des pli ĝi disvolviĝas. Ĝia evoluo okazas en sama maniero kiel tiu de la naciaj lingvoj. Ĝi evoluiĝas (kiel ĝis nun) laŭ la irado de nia ĉiutaga vivo. Kion tio signifas ? Ni devas konstante kolekti nian vort-materialon, studi, ekzameni, esplori, kontroli ĝin por fine registri la formojn plej rekomendindajn aŭ pleje uzatajn. La fakistojn devos okupi la kampoj, pri kiuj ili estas kompetentaj. La prilaboro de la fakterminaro donas vastajn perspektivojn.

Nur tiel Esperanto ne estos morta instrumento teknika, sed lingvo vivanta.

Robert Kreuz.

**Aktuala vortaro**

Ni hodiaŭ publikigas kelkajn politikajn esprimojn, kiuj nun estas tre aktualaj. Iliaj elementoj estas troveblaj en niaj vortaroj. Pro tio ili estas kompreneblaj al ĉiu scipovanto de nia lingvo kaj precipe al la praktikisto. Ni celas doni la koncernajn esprimojn kvazaŭ norm-formon tuj uzeblan. Por komparo ni aldonas la uzatajn ekvivalentojn en angla, franca, germana, hispana kaj itala lingvoj, kiujn ni eltiris el rilataj ĵurnaloj. Samtempe ni citas kelkajn ekonomiajn fakvortojn kun difino en Esperanto kaj kompara traduko nacilingva.

| | |
|---|---|
| *La pac-movado* | A : *the peace movement ;* F : *le mouvement de paix ;* G : *die Friedensbewegung ;* H : *el movimiento pacifico ;* I : *il movimento in favore della pace* |
| *La eŭropa pac-fronto* | A : *the european peace front ;* F : *le front européen de paix ;* G : *die europäische Friedensfront ;* H : *el frente pacifico europeo ;* I : *il fronte pacifico europeo* |
| *La posteaj ŝtatoj de Aŭstrujo-Hungarujo* | A : *the successor states of Austria-Hungary ;* F : *les états successeurs de l'Autriche-Hongrie ;* G : *die Nachfolgestaaten Österreich-Ungarns ;* H : *los estados sucesores con Austria y Ungria ;* I : *gli stati successori dell' Austria-Ungheria* |
| *La re-alproksimiĝo franca-itala* | A : *the Franco-Italian reconciliation ;* F : *le rapprochement franco-italien ;* G : *die französisch-italienische Wiederannäherung ;* H : *el reconciliación franco-italiana ;* I : *il riavvicinamento franco-italiano* |

| | |
|---|---|
| **La konferenco pri senarmigo* | *A : the disarmament conference F : la conférence du désarmement; G : die Abrüstungskonferenz; H : la conferencia de desarmo; I : la conferenza del disarmo* |
| *La rearmiĝo* | *A : the rearmament; F : le réarmement; G : die Wiederaufrüstung; H : il rearme; I : il riarmamento* |
| *La kreskanta pli-armiĝo* | *A : the growing increase of armaments; F : l'armement croissant; H : die wachsende Mehraufrüstung ; I : l'aumento crescente degli'armamenti* |
| *La restarigo de l'2-jara soldatservo* | *A : the re-establishment of the two year's service; F : le rétablissement du service de 2 ans; G : die Wiedereinführung der 2-jährigen Militärdienstzeit; H: il restablecimiento del servicio de dos años; I : il ristabilimento del servizio di due anni* |

*Nacianigo* = akiro de fremda nacieco, ŝtataneco (A.E. : naturalisation, G : Naturalisierung, Naturalización, I : naturalizzazione).

* ne : la pacifista movado,
** ne : la senarmiga konferenco

*Afidavito*

Ĵuregala certigo de eksterlanda posedanto de valorpaperoj, ke ĉi tiuj ne apartenas al ano de la koncerna lando. Ĝi profitigas impost-liberigon kaj celas eviti, ke ŝtato, kiel ŝuldanto, pagu al samlandano la rentumojn en oro, pere de fremdlandano (AFGHI : Affidavit)

*Oficejo por Kalkul- (Pag-) reguligo.*

1) privata institucio, kiu dekalkulas la debet- aŭ kreditsaldojn de financ-entreprenoj, partoprenantaj en organizo de senmona egaligo de reciprokaj financ-operacioj;

2) oficiala institucio, kiu reguligas pagojn aŭ repagojn de unu al alia lando laŭ reciprokaj ŝuldo aŭ bonhavo por ŝtatoj, kiuj malpermesis rektan mon-eksporton; (A. : Clearing House, F. : Chambre (Office) de compensation, H : Camara de compensación, I : Camera (Uffizio), di compensazione);

*Ne-kovrita prunto.*

Pruntepreno de ŝtato aŭ institucio sen garantiaĵoj (dogan-enspezoj, impostoj a.s., private : hipotekoj k.s.) al kiu oni pruntedonas pro fido. ( A : fiduciary loan, F : prêt fiduciaire, G : ungedeckte Anleihe, H : prestito fiduciario, I : prestamo fiduciario)

*Nekonsolidita ŝuldo.*

Ekzistanta ŝuldo, kutime je mallonga tempo, por kiu momente ne ekzistas kontraŭvaloro (A : floating Debt, F : dette flottante, G : schwebende Schuld, H : deuda flotante, I : debito fluttuale).

Ni bonvenigos similan materialon pri aktuala lingvo.

R. K.

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1935

*Ferenz Szilagyi:* Dr. Szilagyi's kurs i Esperanto. Eldonis Förlagsföreningen Esperanto u.p.a. Stockholm. 96 paĝoj. Formato 15 × 22 cm. (1935-22).

*** Sveda Antologio, Dua vol. Eldonis Eldona Societo Esperanto Stockholm. 204 paĝoj. Formato 15,5 × 23 cm. Prezo broŝ. sv. Kr. 4.—, bind sv. Kr. 5.50. (1935-23).

*** Clef de l'Esperanto. (Franca ŝlosilo.) Eldonis Esperantista Centra Librejo. 11, rue de Sèvres. Paris. VI. 32 paĝoj. Formato : 7,5 × 11 cm. Prezo : Fr. fr. 0.50 (1935-24).

*** Chave do Esperanto. (Portugala ŝlosilo.) Eldonis S-ro Saldanha Carreira, Avenida Duque de Loulé, 50, 3e. Lisboa. 36 paĝoj Formato 7,5 × 11 cm. Prezo : 1$50 Esc. (1933-25).

*** Bulgara ŝlosilo. (Kljuĉ Esperanta,) Eldonis Librejo G. H.Gachevski Str. 38 Maria Luiza. Sofia. Formato 7,5 × 11 cm. (1935-26).

*Jak Henry:* Skota joki. Eldonis Ido-Centrale (Hermann Jakob) Soorstr. 75. Berlin-Charlottenburg 9. 15 paĝoj. Formato 10,5 × 14,5 cm. Prezo : Mk. 0.15. (1935-27).

# Tra la libraro

**Literaturo. — Scienco. — Arto. — Religio, Socio. — Lernolibroj. — Nia movado. — Traduko**

Antaŭ nelonge aperis la deka kanto de l'Odiseo (ĉu Odiseo, Odisejo, Odiseado por la rakonto, ĉu Odiseo, Odiso, por la heroo ?) verse tradukita. Nun ni povas legi prozan esperantigon de la tuta greka antikva ĉefverko, dank' al traduko de V. I. A. Manders, kun titolo : ODUSSEIAS DE HOMEROS. Por tia traduko, la prozo estas pli tuje kaj plene komprenebla, kaj tiu de l'tradukinto tamen bone sentigas ian ritmon de l'frazoj, longaj sed bone dividataj, kun vortripetoj, kiuj iom proksimas al poezia formo. Kia mondo estas la Homera eposo, kiom da eventoj, da pejzaĝoj ĝi priskribas, kia fonto da ĉiutagaj, ĉie legataj aludoj, kiaj elokventaj singardemaj ĉirkaŭirantaj parolemuloj estas ĝiaj personoj, tion tute ne necesas rediri. La tradukon mem, longan, malfacilan, oni certe juĝos tre bona kaj oni ĝin plezure tralegas Ĝin antaŭas konciza enkonduko en kiu la tradukinto prave skribas :

« La esprimmaniero de Homeros strange impresas kaj eble la leganto komence sin sentos seniluziigita, kiam li renkontos tiom da nekutimaj adjektivoj kaj frazkonstruoj; tamen li baldaŭ spertos, ke ĝuste tio havigas al la verko neordinaran ĉarmon. Mi klopodis konservi kiel eble plej bone la sencon de vortoj kaj frazoj kaj Esperanto montriĝis mirinde taŭga lingvo por la traduko de la diversaj « epitheta ». Vortoj kiel ekz. « remŝipana, virpereiga, rapidpieda, ruzanima », kiuj estas simplaj tradukoj de tiaj « epitheta », ne povas esti formataj en multaj naciaj lingvoj, tiel ke tiuj lingvoj ne povas konservi la plej karakterizan econ de la lingvo de Homeros. »

Kaj ne nur la cititaj, sed tre multaj tiaj kunmetaĵoj estas efektive ŝatindaj, kiel : la flugilhavaj vortoj, la panomanĝaj homoj, la tagpagata servisto, la ĉizajhava lito, la arĝentnajla apogseĝo, liaj interpuŝademaj ŝafoj kaj trenpiedaj, kurbkornaj bovoj, la fajrŝprucokula Athene, la nubkolektulo Zeus, la laŭttondra Zeus, la marĉirkaŭata Ithaka, la

frumatena, rozofingra Eos, la blankkubuta Mausikaa, la belmaleola Hebe, k.t.p.

Laŭ la titolo, kaj la ĵusaj dinomoj, oni vidas, ke la tradukinto konservis senŝanĝe la grekan formon de la propraj nomoj; ĉi tio estas diskutinda kaj ilia esperantigo estus solvo pli agrabla por komunaj legantoj. Se la numerigo de l'versoj estas taŭgaĵo, ankaŭ faciligus legadon aŭ serĉadon supropaĝaj titoloj por la kantoj, kaj resendaj steletoj ĉe l'vortoj komentataj en la du utilaj tabeloj : *Klarigoj,* kaj : *Listo de gravaj nomoj.* Cetere la eldonaĵo estas grandformata libro, 300-paĝa, kun neta preso sur bona papero, vera biblioteka inda volumo, en kiu la preseraroj aŭ kritikindaj detaloj estas relative malmultaj (monti ! ĵeti ĵetilon ! fingitaĵo?)

Unu el la apartaĵo kaj plaĉo de l'stilo estas la multaj frazinversoj, kiujn akuzativo igas tiel facilaj kaj trafaj por Esperanto, kaj pli speciale tiuj aliordigitaj komparoj, tranĉitaj per longaj parentezoj, el kiuj abundas la kantoj, kiel ekzemple :

« Kiel kiam ege deziras al la vespermanĝo viro, kies ambaŭ ruĝbrunaj bovoj la tutan tagon trenadis la fortike kunmetitan plugilon tra la malalte kuŝanta kampo ; je lia ĝojo fine subeniras la lumo de l'suno, tiel ke li povas iri al la vespermanĝo, ĉar liaj genuoj ŝanceliĝas dum la paŝado ; tiel ankaŭ por Odusseus je lia ĝojo subeniris la lumo de l'suno. »

« Kaj la ŝipo — kiel sur la ebenaĵo jungokvaro de virĉevaloj ; ĉiuj kune ekrapidante sub la batoj de l'vipo kaj altensaltante de la tero, rapide finkuras la vojon — tiel la antaŭsteveno de l'ŝipo sin levis alten, kaj malantaŭe ege ŝaŭmbruis la malhelbriletaj ondoj de l'laŭte muĝanta maro. »

Por spertigi al kia beleco, harmonio atingas la traduko, ni kopiu pli ampleksan paragrafon ; jen tiu pri la alveno de Hermes, sendita por porti ordonon, al nimfo Kalupso :

« Li malsupreniris el la etero sur la maron kaj post tio li rapide sin movis sur la ondoj kiel mevo, kiu sur la teruraj profundoj de l'senĉese ondanta maro, ĉasante fiŝojn, malsekigas siajn densplumajn flugilojn en la marakvo. Sed kiam li fine atingis la malapude kuŝantan insulon, tiam li eliris la violkoloran maron kaj ekpaŝis sur la firman teron, ĝis kiam li atingis la grandan kavernon, en kiu loĝis la Diino kun belaj harligoj ; li ĝuste ŝin trovis ene. Granda fajro brulis en la kameno kaj ĝis malproksime bonodoris tra la insulo la odoro de brulantaj cedroligno kaj fendita citronligno ; kaj ene ŝi kantante per bela voĉo iradis tien kaj reen ĉe la teksotrabo kaj teksis per ora glitbobeno. Verdiĝanta arbaro ĉirkaŭkreskis la groton, alnoj kaj poploj kaj bonodoraj cipresoj. Tie larĝflugilaj birdoj nestis, strigoj kaj falkoj kaj pintungaj markornikoj, kiuj surmare sin okupi ŝatas. Tie ĉirkaŭ la volbiĝanta groto ankaŭ sin etendis vinberujo sarmentriĉa, plena je maturiĝantaj vinberoj. Kvar fontoj envice tie fluis kun klara akvo, kuŝantaj unu apud la alia sed turnantaj sin en diversajn direktojn. Ĉirkaŭe floradis molaj herbeoj kun violoj kaj apio. Tie do ĉiu vizitanto, eĉ se li estus senmortulo, admire alrigardus ĉi ĉion kaj ĝojus en sia animo. »

Dank' al tiu traduko, multaj, kiuj ĝis nun eble ne legis la tutan Homeran poemaron, profite kaj plaĉe ekkonos ĝin, kaj multaj, kiuj jam uzis nacilingvajn tradukojn, tamen ĝuos ĉi tiun, kiu je ekzakteco kaj arteco egalas aŭ eble superas ilin.

De la poezio, per kiu Grekoj vindis siajn revaĵojn, ni falas per : TURSTRATO 4, en la naŭzan nunan realecon. La nova originala romano de H. Weinhengst estas verkita per bona stilo, simpla kaj klara (nur kelkaj germanismoj troviĝas ; « aliel » estas kontraŭfundamenta kaj « gemuta » dusenca). Ĝi spegulas la hodiaŭan grandurban mizeron dum postmilita krizo, kun la senlaboreco malesperiga. Malriĉa medio, kompatindaj geviroj, malkomfortaj ludomoj, malbonkonsila senokupeco, malfeliĉa amidilio kaj fine ambaŭa sinmortigo de l'geheroj. Malhela, malgaja historio, kiu ankaŭ fariĝas iom unutona, simpleca, kaj en kiu la aŭtoro foje flankiĝas al ia pedanteca moraligemo. Sed tio estas nur ombreto, kiu ne difektas la apartan efikon de l'verko, ĉar post lego la pentraĵoj, vere nigraj kaj pesimistaj, tamen gravuriĝas en la memoro. Turstrato 4 okupos honoran lokon en nia originala verkaro, ĝi estas sola kun tia realismo, ĝi certe estus atentata eĉ en iu nacia literaturo. Moto por ĝi, tute taŭga, estus tiu ĝia frazo : Estas kruela fakto ke mizero naskas mizeron, kaj malfeliĉo plian malfeliĉon. Ĉiuj scias plie, ke la eldonaĵoj de « Literaturo Mondo » estas altkvalitaj, rilate al preso, papero, korekteco, ekstera aspekto.

El la sama firmo elvenas la : NOTLIBRO DE PRAKTIKA ESPERANTISTO. Dum la jaroj 1931-32, K.R.C. Sturmer notis siajn personajn intimajn pripensojn. Amikoj el Budapest elektis la duonon el ili por formi la libron. La notoj sekvas sin laŭ datoj ; de temo al alia, ili traktas ĉefe du : Espranton kaj amajn aŭ seksajn rilatojn, kio ja estigas strangan miksaĵon. La rimarkoj estas pikaj, spritaj, ironiaj, skeptikaj, ofte pripensigaj, foje troigataj. Ili rakontas proprajn spertojn, skizas portretojn, paradoksas pri socio aŭ moralo, altiĝas al filozofiaj rezonoj. El la tuto ĉefe elstaras la personeco de l'aŭtoro, kiu nek modeste nek fiere malkaŝas kaj taksas sin, analizas sian menson, aperas liberigita de l'filistra vulgareco, sed konservas naciajn aŭ prudajn antaŭjuĝojn. La partoj pri laboro sur la kampo de esperantaj propagando, lingvo, literaturo estas tre interesaj ; la aludoj al seksa vivo, al samseksamo, celas pruvi plenan emancipecon tiurilatan de Anglo, sed reale li miras pri tute ne mirindaj faktoj. La aŭtoro verkas bonege, modele, ŝatas kelkajn neologismojn kiel « etoso » aŭ « aprezi », kiujn li vartas kiel siajn ; li bedaŭras mankon de konversaciaj esprimoj, proponas « umo » por ne tuj trovebla vorto, kaj « napo » por malklerulaĉo (franclingve kaj slange, napo jam signifas naivegulo aŭ pentraĵaĉo). Multo estus citinda el tiu alloga, spicita, ŝaŭmanta koktajlo ; ni ĉerpu nur kelkajn frazojn :

« La devo de la verkisto estas fine montri la homon ne tia, kia li estas, sed tia, kia li devus esti. — Ŝajnas al mi, ke la obsceno similas al la alkoholo : spite multajn esceptojn, mi trovas ĝenerale, ke la plej simpatiaj homoj, la plej bonkoraj kaj admirindaj homoj, modere sin servas per ĝi, el bona kvalito kaj en ĝusta kvanto. — La verkoj similas al furunkoj, ili lasas, ke eliru io, kio estas elirigenda. — Estas interese, ke unu sola eraro malpravigas la tutan sovetan ideologion, la eraro : kredi, ke oni povas subigi la individuon al la komunumo. — Feliĉe nia lingvo vivas kaj kreskas ; la vivo kaj kresko ja pli multe gravas ol la logiko ! — Ne ekzistas homo tute sen sadisma emo dum iu stadio de sia evoluo : la plejmultaj perdas la emon en bubaĝo. Kelkaj iĝas poetoj, pastroj aŭ generaloj. — Mi ofte aŭdis dekon da inteligentaj homoj kune fari decidon tiom absurdan, ke neniu el ili sola farus ĝin ».

Loko mankas por kopii pli ampleksajn partojn, sed espereble la dirita kaj citita sufiĉos por montri la originalecon de l'verko, la akutan inteligentecon de l'aŭtoro, por ke multaj legu la libron ; ili ne pentos.

## Arnold BEHRENDT †

Arnold Behrendt, poŝtkonsilisto en la ministerio, prezidanto de GEA dum pluraj jaroj, mortis en Berlino la 24 Februaro 1935. En aĝo de nur 58 jaroj li forlasis nin, tute ne-atendite. En lia persono malaperis unu el la plej bonaj batalantoj por nia afero en Germanujo. Li fariĝis Esperantisto en 1908. De post



tiu ĉi tempo li senhalte, diligente, serioze kaj modele agadis por Esperanto. Dekomence li dediĉis sin aparte al Esperanto en la poŝta kampo. Grandegan nombron da propagand-artikoloj li skribis por tiu ĉi celo. Li eldonis antaŭ la mondmilito la organon « Poŝta Esperantisto ». De 1911-1914 li estis prezidanto de Ildepo (nun Ilepto). Ampleksan laboron li plenumis rilate la fakvortaron esperantan en sia profesia sfero. Li tradukis multajn paroladojn de germanaj ŝtatistoj kaj oficialan materialon pri la mondmilito, ktp. Ĉio estis publikigita i.a. en la « Internacia Bulteno », eldonita por disvastigo de germanaj informoj en la eksterlando, en broŝuroj kaj en div. organoj. S-ro Behrendt ne nur propagandis. Li estis aŭtoro de pluraj E.-lernolibroj kaj li multe ŝatis originale verki en nia lingvo. Aro da poemoj transvivas lin. Li estis severa gramatikisto, kiel montris multaj tiurilataj studoj de li. Li estis de longe L.K.-ano.

La evoluo de nia lingvo tre interesis lin kaj multe da zorgo li dediĉis al ĝi. S-ro Behrendt estis eminenta oratoro. La okupiĝo pri Esperanto estis por li afero de l'koro. Pro tio li kapablis konvinki multajn personojn pri nia celado. Ne estas eble mencii detale ĉiujn liajn laborojn. La Germana Esperanto-Asocio dankas ĉefe al li sian postmilitan promesplenan disvolviĝon. Internacie li aperis publike kiel preleganto en la Somera Universitato, pritraktante praktikajn temojn el sia profesia agado kiel teknikisto (transmarkabloj k. c.) Lastan fojon nia internacia publiko vidis lin en la 25a (jubilea) Universala Kongreso en Kolonjo, kies prezidanto li estis.

Sro Behrendt estis energia gvidanto.

Ni, kiuj dum pli ol 20 jaroj intime kunagadis kun li, scias, ke tiu ĉi energio kaŝis koron profunde senteman. Tro frue ĝi ĉesis bati. Kuraĝan, honestan viron ni perdis en niaj vicoj. Ni konservos al li ĉiaman memoron. R.I.P.

Al lia vidvino, kiu kiel fervora esperantistino, daŭre kaj kompreneme helpis al li en la esperanto-laboro, ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn.

Ankaŭ rivelanta personecon, sed per tute alia rimedo estas: LA TEATRA KORBO, la nova verko de Julio Baghy. Ĝi konsistas el dekdu prozaj tekstoj, rakontoj pli malpli aŭtobiografiaj, kie la infanaj memoraĵoj vestas sin per poezio pro la tempforpaso, kie kortuŝa okazaĵo fariĝas simbola alegorio, kie ĉiutaga travivaĵo aŭ hazarda renkonto naskas pripensigajn aŭ paradoksajn rimarkojn, kie veraĵoj moralaj aŭ filozofiaj estas ĉerpeblaj. Kiam tiu filozofiemo celas al transcendaj rezonadoj ĝi estas malpli plaĉa. En tiu bukedo da belkoloraj, parfumitaj floroj, plej elstaras la emociiga : *Dodo kaj liaj kvar patroj*, la zamenhofaĵo : *En Varsovio*, la prisocia : *Kontrasto*. Petalojn oni ŝiras kiel : « Bonvola ateisto similas pli al ideala teisto ol hipokrita aŭ blinde fanatika kredulo, kiu preĝe sieĝas, sed age blasfemas la Nedifineblan. — Nur en tiuj momentoj mi estis vere feliĉa, kiam mi sukcesis forgesi pri mi mem kaj mi pensis pri aliaj ; plej terure mi sentis la premon de malfeliĉo, kiam mi dronis en la zorgoj pri mi ». Pro la flua, malpeza stilo, la ĉarman libreton oni legas tiel senpene, tiel facile, tiel ame, kiel ŝajne la aŭtoro verkis ĝin, ĉar li ĝin subtitolis : senpretenda babilado.

G. S.

La interesa recenzaro daŭrigos.
Pro manko de loko kaj pro teknikaj kaŭzoj ni povas hodiaŭ enpresi nur parton.

La redakcio.

### Lingva Zorgo

(Rimarkigo de aŭtoro al recenzo ; komp. Februar-Numeron, pĝ. 30 (14)

La titolo de mia « Gaja Lernolibro », dua eldono, enhavas la rimarkon « por sininstruo ». La unua eldono enhavis la rimarkon « por meminstruo ». Kiam la unua eldono aperis recenzisto skribis : pli bone estus « sininstruo » ; nun recenzisto skribas : pli bone estus « meminstruo ». Kara leganto, ĉu vi ne kompatas min ? Kion mi rimarkigu en la tria eldono ? Ĉu sininstruo, ĉu meminstruo ? Kion vi dirus ? Ĉu mi balotu inter la du esprimoj ? Ĉu vi balotus ? Mi ĝojas pri la rekomendaj recenzoj, sed nokte mi nur malbone dormas. Ĉiam aperas antaŭ miaj fermitaj okuloj la du vortoj: sininstruo meminstruo.

Bonkora helpanto ! Prenu pesilon, metu la defendaĵojn por « sininstruo » sur unu pesujon kaj la defendaĵojn por « meminstruo » sur la alian pesujon. Vidu kio pli pezas kaj skribu al mi, kion vi observis. Eble ambaŭ pesujoj estas egale pezaj.

Helpu al mi trovi la formon, kiu kontentigos ĉiujn. Ĉu tia ekzistas ? Vi ricevos vere belajn esperantajn bildkartojn kiel rekompencon.

C. WALTER, Graf Speestr. 24, Berlin W. 35.

## INTERNACIA ESPERANTO-KURSO

### por la oficistaro de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj

***EN ARNHEM, 2-12 MAJO 1935***

Post la sukcesplenaj internaciaj kursoj por poŝtistoj, okazintaj en 1933 kaj 1934, la *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto*, en kunlaboro kun la *Direkcio de la Nederlanda Fervojaro* kaj kun *fak-ligoj en Nederlando*, organizas

specialan internacian kurson de Esperanto por la oficistaro de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj,— kiu okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 2-12 Majo 1935.

La kurso estos gvidata de *Andreo Cseh*, laŭ lia konata metodo (*sen lernolibroj, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro, en praktika kaj amuza maniero*) kaj ĝi kapabligos al skriba kaj parola uzo de la lingvo Esperanto en simpla ĉiutaga interrilato.

La kurslecionoj okazos dum 10 labortagoj, matene de la 9-a ĝis la 13-a horo. Dum la posttagmezoj estos *ekskursoj studaj kaj plezuraj*. En la vesperoj okazos *amuzaj aranĝoj*.

La kurso servos ankaŭ kiel ideala okazo por internacia interkonatiĝo kaj interamikiĝo de la diverslanda kolegaro.

En la kurso partopreni povas *ĉiuj geoficistoj de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj, kune kun siaj familianoj*. Partopreni povas ankaŭ personoj, kiuj jam scias la lingvon Esperanto. *Kurskotizo* estas : 7.50 ned. guld., por pluaj anoj de la sama familio nur 5 guld. Tiuj kursanoj, kiuj loĝas en la hotelo de la Esperanto-Domo, pagas nur 5.—, resp. 3.50 guld.

Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ du tagoj.

*Libertempo.* — La Direkcio de la Nederlanda Fervojaro decidis doni *kvar ekstrajn libertagojn* al 25 konduktoroj, por faciligi ilian partoprenon en la kurso.

*Adreso* por aliĝoj kaj informpetoj : *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat* 172, *Den Haag, Nederlando*. (Poŝtkonto : Den Haag 162626.)

### Per-Esperanto Muzeo

En Veliko-Tirnovo, la malnova bulgara ĉefurbo kaj urbolulilo de Esperantismo en Bulgarujo, estas fondita sub la protektado de la urbestro Universala Per-Esperanto Muzeo. En tiu-ĉi urbo ĉiam ekzistis vigla esperantista vivo kaj Esperanto estas tre multe parolata.

Nun la gesamideanoj estas petataj helpi en la kolektado de muzeaj objektoj. Rekompence ĉiu sendanto de objektoj (eĉ de malgrandaĵo) ricevos dankleteron (vidaĵon) de la urbo. Por pli valoraj sendaĵoj oni donacas esperantaĵn librojn, bildojn, pentraĵojn aŭ aliajn aĵojn de bulgara popolarto. La « Per-Esperanto Muzeo » deziras korespondi kun fakuloj de muzea scienco kaj interŝanĝi objektojn kun aliaj muzeoj.

Adreso : Muzeja, Obŝtinata, *Veliko-Tirnovo* (Bulgarujo).

---

### SKOLTOJ

La XIII. Internacia Tendaro de Skolta Esperantista Ligo okazos 11-24 Julio en Polujo okaze de la Tutslava kaj Pola nacia tendaroj ĉe Spala (somera rezidejo de la Prezidanto de la Pola Respubliko). Estas tre grave, ke partoprenu multaj skoltoj kiuj scias Esperante, por montri al la skoltaro en la lando de naskiĝo de Esperanto, ke la lingvo estas taŭga interfratigilo por la junularo.

---

### Persujo — Irano

Ŝanĝo de urb-nomoj ne plu estas maloftaĵo en nia politike vigla epoko. Formado de novaj ŝtatoj kreis novajn land-nomojn kaj nia geografia scio necesigas kelkfojan korektigon rilate la land-limojn. La gazetaro disvastigas la novaĵon ke de post la 1 januaro 1935 la registaro de Persujo uzos oficiale nur la land-nomon Irano.

**La 6-a Flandra Kongreso de Esperanto** okazos je Pentekosto 1935 (8-9-10 Junio) en Bruselo.

Kotizoj : 10 belgaj frk., post Pasko 12 b. frk., (1 sv. frk. = 7 b. frk.) ; Adreso de la kongresa oficejo : 3, P. Van Humbeekstr., Brussel-West ; Ĝirokonto N-o 4136.04 (je nomo de E. Cortvriendt) ; Rabatoj sur la enlandaj fervojoj kaj sur la ŝipoj Oostende-Dover. Karavanojn el eksterlando organizas : Jakob Telling, 36 Bellevoysstraat, Rotterdam. Fred. E. Wadham, ĉefdelegito U.E.A. en Londono, 2 Heathdene Road, London, S.W.16.

Por eksterlandaj Esperantistoj tiu ĉi kongreso estos okazo por samtempe viziti la Bruzelan Mondekspozicion (Vizito al tiu ĉi ekspozicio troviĝas sur la programo).

---

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Malfacila Rekono

Konata ĥirurgo, estro de urba hospitalo, staras je stratangulo, atendante la tramon. Unu el la ceteraj alvenantoj salutas la ĥirurgon, kiu ne konscias, ke la saluto estas direktata al li. La alveninto levas duan fojon la ĉapelon, klare montrante, ke li deziras saluti la ĥirurgon. Ĉi tiu iom heziteme, sed pro ĝentileco respondas. Kiam ili staras kune sur la platformo la nekonato diras : Sinjoro profesoro, vi certe ne plu scias, kiu mi estas, ĉu ne ? La ĥirurgo respondas : ne, Sinjoro, mi ne memoras, kie mi havis la honoron jam renkonti vin. Nu, diras la alia : mi estas sinjoro A ; lastan monaton vi operaciis min en la urba hospitalo je apendicito. Ho jen, respondas la ĥirurgo, pardonu al mi, mi tute ne rekonis vin de ekstere.

### Surpriza Ŝanĝo

Sro. Graham (erare kredante, renkonti al malnova konato):

Hej ! Bonan tagon, kiel vi fartas ? Vi aspektas bonege ! Kaj vi dikiĝis, de post kiam mi vidis vin lastan jaron.

La alia : Ho, ne, mi tute ne dikiĝis, kontraŭe.

Sro. Graham : Ne eble... kaj vi forigis vian imponan barbon, kia ŝanĝo !

La alia : Sed mi ne ŝanĝis iel mian aspekton.

S-ro. Graham : Ne diru, sinjoro Jackson, — vi vere aspektas ŝanĝite.

La alia : Permesu, mia nomo ne estas Jackson, sed Mc. Ginn...

Sro Graham : Ho Dio mia... eĉ vian nomon vi ŝanĝis ! ! ?

---

— *Le Traducteur* estas la titolo de germana-franca revuo por la kompara studo de ambaŭ lingvoj. La revuo estas destinita por gejunuloj, dezirantaj facile kaj funde studi la germanan aŭ la francan lingvojn. Ĉiu numero enhavas modelajn tradukojn en unu aŭ alia lingvo de dialogoj, de komercaj leteroj kaj de diversaj legaĵoj. La sistemo estas utila kaj tute praktika. Specimenoj senpage haveblaj de *Bureau du Traducteur, La Chaux-de-Fonds* (Svislando).

---

**LA REDAKCIO IDENTIĜAS NUR KUN LA ENHAVO DE ARTIKOLOJ NESUBSKRIBITAJ. PRI PUBLIKIGAĴOJ, SUBSKRIBITAJ AŬ SIGNITAJ, LA AŬTORO PORTAS MEM LA RESPONDECON.**

## Perada Servo de UEA

Informpetojn oni direktu al la Centra Oficejo de UEA kun indiko de la koncerna numero kaj aldonante por ĉiu sv. frk. 0.60 (2 poŝt- aŭ UEA-respondkuponoj).
La rilataro inter la interesitoj devas okazi senpere. Korespondajojn ni ne peras. Informpetoj sen resp. kuponoj ne estas konsiderataj.
Publikigo en ĉi tiu rubriko sv. frk. 1.50 (5 poŝt- aŭ UEA-kuponoj por ĉiu ĉifro).

P.S.1. Reprezentanto de industrio de ŝaf-felpreparado kaj de lano en Francujo, serĉas rilatojn kun firmoj de la fel-industrio en ĉiuj landoj.

P.S.2. Serĉas reprezentantojn en ĉiuj landoj por eksporto de bonkvalitaj bulgaraj tabakoj.

P.S.3. Reprezentado serĉata por Bulgarujo.

P.S.4. Reprezentantoj serĉataj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Germanujo, Polujo, kaj Svislando por eksporto de legomoj, vinberoj, fruktoj, nuksoj ktp.

P.S.5. Aĉeto aŭ interŝanĝo de antikvaj stenografi-verkoj, -lernolibroj en lingvoj de malgrandaj nacioj kaj de ekstereŭropaj lingvoj.





## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0,30 (= 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, malsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*La Madeleine* (Nord-Francujo). S-ro Gaston Dieusaert, Rue St-François 9 dez. kor. k.ĉ.l., PK., PM., PI., L., c.r.

*Kortemark* (W. VL) Belgujo. S-ro André Vanderper, kor. PI., k.ĉ.l.

*Koblenz* (Germanujo). Leono Funken, Hoheminnenstr. 24, prikonsilas Rejn-vojaĝojn. (Respond-kupono !)

*Auxerre* (Yonne-Francujo). F-ino Croze, 2 bis rue Marcelin Berthelot, PK., PM., c.r.

*Auxerre* (Yonne-Francujo). S-ro Dupuy, 5, rue Egalité, PI escepte Ĉeĥoslovakio.

*Don* (Nord-Francujo). S-ro O. Lemichez, Del. UEA, L., PI kun Islando, Kanado, Finlando, Germanujo, Italujo, Turkujo, Egipto.

*Mikstal* (Polujo). Pola kolektanto dez. intŝ. PM., k.ĉ.l. ankaŭ kun katalogo. S-ro St. Bilgannski, Rynek 27 woj. pozn.

*Dublin* (Irlando). Interkoresponda kamaradeca rondo dez. junulon en ĉiu lando (krom Ĉeĥoslovakio, Germanujo, Hispanujo, Nederlando, Svedujo) Detaloj de Deasmhun Oh Eachaidh, 66 Morehampton Road.

*Assens* (Danujo). Propagandvesperon aranĝos 31 marto novfondita klubo en nova esp. urbo. Bonvolu sendi el ĉiuj landoj poŝtkartojn, L., gazetojn k.t.p. C.r. S-ro Axel Garmun, Hollevej 16,

*Hilgersdorf apud Schluckenau* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Franz Bayer, instruisto, dez. kor. P.I., L., k.ĉ.l., c.r.

*Obihiro* (Japanujo). F-ino Masako Kurosaŭa, Oodori 9, pri ĉ.t., c.r.

*Obihiro* (Japanujo). S-ro Kazuma Harada, ĉe Hokkaido Banko, k.ĉ.l., c.r.

*Barcelona* (Katalunujo). S-ro Joseph Serra Besora, str. Valencia 295, dez. kor. k.ĉ.l.

*Barcelona* (Katalunujo). S-ro Amador Serrano, str. Castillejos 232, ent 10. 2-a. dez. kor. per P. il. kun ĉ.l. C.r.

*Barcelona* (Katalunujo). Lernantoj de la 2-a kurso dez. kor. div. temoj. Adr. : E. Gr. Barcelona Stelo, str. Urgell, 180.

*Barcelona* (Katalunujo). V. H. Antoraz, Secció Topografica, 4-a divisio, dez. kor. k.ĉ.l. L., PI., intŝ. gazetoj. C.r.

*Brečlav* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Ryŝka Vaclav, Kuffverova tr. intŝ. PI kaj L.

*Brečlav* (Ĉeĥoslovakio). S-ro A. Stratil, Brnĕnska 1949 intŝ. PI., L., PM. c.r.